„Mutig vorwärts!“

# Aŭstria Esperantisto

„Kuraĝe antaŭen!“

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.

5a jaro. No. 9 Monata Septembro 1928

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.80, germanlandanoj RM 3.25, alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

**Weltkunstsprache oder Latein!** „Der Deutsche Eisenbahner“ brachte in seiner Folge 32 (August 1928) einen Artikel „Weltkunstsprache oder Latein“ von Hofrat Dr. Wilh. Czelechowski. Der Artikel, der auf gänzliche Uninformiertheit des Verfassers auf dem von ihm besprochenen Gebiete schließen läßt, wurde in Folge 36 treffend von Jaro Berger-Pernitz erwidert. Es könnte noch eine ganze Reihe von Gegenargumenten vorgebracht werden. Wir empfehlen Herrn Hofrat Cz. aufmerksam den Artikel „Esperanto dient zum Schutze unseres Volkstums“ in Folge 41 vom 13. Oktober 1927 im Deutschen Eisenbahner zu lesen. Über die einzelnen Streitpunkte würden wir uns gerne mit ihm auseinandersetzen.

## Österreichischer Verband der Esperantolehrer.

Die allgemeine Einführung des Esperanto in die Schule, die ja in Wien und in einer Reihe anderer Orte schon teilweise durchgeführt erscheint, fordert den Zusammenschluß aller Lehrpersonen zu einem Verbande, der über Anregung des Fachlehrers Jungschaffer in Ried nun geschaffen werden soll. Der Verband soll ohne Rücksicht auf Parteieinstellung alle Lehrer umfassen, die Esperanto sprechen oder lernen, und alle jene Esperantisten, die entweder die Staatsprüfung aus Esperanto abgelegt oder durch eine längere Reihe von Jahren Esperantokurse geführt haben.

Jahresbeitrag S 1·—, der mit der Anmeldung in Briefmarken zu senden ist an AED (für Direktor Fritz Stengel), Bisamberg 248.

Allgemein wichtige Nachrichten erscheinen in „Aŭstria Esperantisto“.

Anfragen wolle stets Rückporto beigeschlossen werden.

Für die AED: Steiner, Weber, Stengel.

## Österreichischer Verband der Esperanto sprechenden Verkehrsangestellten.

Österreich hat für 1929 anläßlich des Esperanto-Weltkongresses in Budapest, des Vorkongresses und der Eröffnung des Internationalen Esperanto-Museums in der Nationalbibliothek in Wien einen großen Besuch von Esperantisten aus aller Herren Ländern zu erwarten.

Unsere Regierung und die Fremdenverkehrskommission für die Bundesländer Wien und Niederösterreich haben auf dem 20. Esperanto-Weltkongreß in Antwerpen (3.—11. Aug. l. J.) offiziell für die nächstjährigen Veranstaltungen in Wien eingeladen. Das Ministerium f. Handel u. Verkehr hat einen prächtig bebilderten Faltführer „Tra Aŭstrio“ und die Verkehrskommission einen solchen „Wien kaj Malsupra Aŭstrio“ in Esperanto herausgegeben, die Werbearbeit für den Besuch Österreichs und besonders in 1929 leisten werden.

Sache der Verkehrsangestellten und besonders deren Verwaltungen (Eisenbahn, Schiffahrt, Post, Telegraph, Trambahn) ist es nun, auch das ihre dazu beizutragen, damit die Fremden auch leicht und entsprechende Auskunft erhalten, ihnen der Aufenthalt angenehm gestaltet wird, sie bald wiederkommen und Bekannte auf unser Land und unsere guten Einrichtungen für den Fremdenverkehr aufmerksam machen.

Daher müssen sich die Verkehrsangestellten das Esperanto aneignen.

Zweck des Verbandes ist es, alle jene ohne Rücksicht auf Parteieinstellung in seine Reihen aufzunehmen, die Esperanto sprechen oder es lernen; der Verband will alle vom Standpunkte des Verkehrs für 1929 nötigen Schritte besprechen und möglichst Esperanto unter den Verkehrsangestellten verbreiten.

Jahresbeitrag S —·60, der mit der Anmeldung in Briefmarken zu senden ist an Oberinspektor Steiner, Korneuburg, Postfach 26.

Allgemein wichtige Nachrichten erscheinen in „Aŭstria Esperantisto".

Anfragen bitte mit Antwortkarte zu stellen, werden dann sogleich erledigt. Steiner.

---

Über den 19. Esperanto-Weltkongreß (3. bis 11. Aug.) berichtete eine Anzahl von Tagesblättern, in erster Linie die „Volkszeitung" in einem langen Artikel und mehreren Notizen.

„Die Bundespolizei", Fachblatt des Wirtschaftsverbandes der Bundessicherheitswachebeamten Österreichs, bringt in jeder Nummer unter der Rubrik „Polizei-Esperantoverein, Wien" einen Fachartikel in Esperanto.

**Esp.-Gottesdienst in Wien:**

16. Sept. 10 Uhr, I. Minoritenkirche.

---

## Internacia Esperanto-Muzeo en Wien — ŝtata institucio.

La 7an de sept. nj. la subskribinto en ĉeesto de sia anstataŭanto ministeria kons. Viktor Hawlik (min. p. komerco) kaj de la sekretario Walter Smital (Radio-Wien) perfektigis jenan interkonsenton kun la ĝenerala direktoro, univ.-prof. kortega kons. d-ro Josef Bick de Nacia Biblioteko*).

1e. Nacia Biblioteko transprenas tuj ĉiun alvenintan materialon, senditan al Internacia Esperanto-Muzeo en Wien (IEMW). Poŝtadreso por tiu celo estas: Int. Esp.-Muzeo, Wien, I., Annagasse 5.

2e. Nacia Biblioteko komisias la Kuratoran Komitaton de IEMW, atesti la ricevon de materialo sur propra oficiala formularo de Nacia Biblioteko.

3e. Registara kons. d-ro Teichl de Nacia Biblioteko informos nin pri ĉiuj necesaj detaloj koncerne enkatalogigon, konservadon ktp.

4e. Kompreneble la kostojn de instalo, administrado, konservado inkluzive bindadon pagos Nacia Biblioteko.

5e. La plano pri instalo de IEMW en salonegoj ĉe Josefsplatz (iama kortega kastelo) restas kiel interkonsentite jam en la dokumenta letero; la kiamo dependas nur de la translokigo de Manuskripta Kolekto en Novan Kastelon.

6e. Intertempe servos por depono de prilaborita materialo ejo disponigita al ni jam en Nacia Biblioteko. (Kompreneble tio ne tuŝas niajn preparlaborejojn disponigitajn de la kanceliera oficejo.)

7e. Nacia Biblioteko ankaŭ zorgos por lumigado, hejtado, purigado k. s., kiam ni bezonos ilin.

8e. Kontrakton, kiu sur supre dirita bazo fiksos la principajn detalojn de de la aligo de IEMW al Nacia Biblioteko, ricevos Kuratora Komitato la 19an de sept. nj. por subskribo.

Per tio evidentiĝas, ke IEMW **ne** estas **privata** entrepreno, kion oni ŝajnigis de kelkaj flankoj, **sed oficiala** (en origina, neesperantista senco de l' vorto), ĉar ŝtata institucio, kia estas Aŭstria Nacia Biblioteko, respondecas pri ĝi. Steiner, prez. de Kuratora Komitato.

*) Iama Kortega Biblioteko, submetita senpere al ministerio por instruaferoj.

### VI. Raporto.

En Int. Kuratoran Komitaton ni elektis laŭ propono de la landaj organizoj: s-rojn Julio Baghi, v. Kaloczay kaj d-ron Takacs por Hungarujo, s-rojn Vladimiro Ŝmurlo, Edgaro Grots kaj Talivaldo Indra por Latvujo.

Donacoj: K. Niŝimura, reprezentanto de Oomoto-movado en Eŭropo, sidejo Paris belg. fr. 100.—; f-ino Waitzer-Mainz Rm. 1.—.

Nova kvindeko membriĝis, 24 sendis materialon. La liston pro manko da loko en la venonta numero.

Regionaj helpantoj: s-ano Radecker-Nürnberg kaj Poresperanto Propaganda Societo-Antwerpen.

---

## „Antaŭkongreso al la XXI-a." „Malfermo de Int. E.-Muzeo, Wien."

29. 7. — 1. 8. 1929.

Kotizo Ŝ 7·— (por abonantoj de AE. Ŝ 2·— malpli, por membroj de IEMW la kotizo por 1929 jam estas enkalkulata). Vi ricevos por la kotizo: Kongreskarton, kiu sole rajtigos je rabato sur fervojo kaj ŝipo; senpagan vizon; kongresinsignon; gvidlibron tra Wien

(eldonota); „Aŭstria Esperantisto“ por la unua duonjaro 1929 kun la sciigoj pri la kongresaranĝoj kaj la muzeoafero; membrecon al Int. E.-Muzeo kun membrokarto por 1929 ktp.

Ĝis nun aliĝis jam: Schönrich-Wiesbaden; Jakubowicz-Antwerpen; Steiner Hugo, Hugo juna, kaj Lothar-Bisamberg; Peter-Bisamberg; Jungschaffer-Ried; Macho, Smital, Valerie Zwach, Dr. Pfeffer, Hawlik, Weber G., Dittrich Marie, Sperling, Drössler, Markus Eveline, Bayhofer Anna, Foltanek Rudolf-Wien; Einfeldt, Dr. Altrichter, Luegmayer-Korneuburg.

Sekvu la aliaj! La monon sendu al d-ro Sós, Wien, I., Tuchlauben 18.

---

## La XX-a.

La kongreso estis plejparte bone organizita. Tre agrable surprizis la kongresanojn la bona funkciado de la loĝejservo kaj la bona aranĝo koncerne disdonadon de la kongresodokumentoj. La kongresoficejo bone funkciis. En la stratoj flagoj malproksimen videblaj kaj afiŝoj montris al la kongresanoj la vojon al la diversaj kunvenejoj. Granda aro da policanoj, kiuj portis ŝildetojn kun „Esperanto“ kaj la stelo, similaj al la Wien-a insigno, ĉie estis renkonteblaj kaj multe helpis al la samideanoj. Bone impresis ankaŭ, ke la deĵorantaj samideanoj bone parolis mem nian lingvon kaj pro tio multe servis al la kongresanoj.

Malbone estis, ke la kunvenejoj estis malkoncentraj, ke la akceptejo estis malfermata nur de la 9-a kaj jam tro frue fermata. Tial la homoj, kiuj laboris en la kunsidoj, poste neniam havis la tempon, skribi raportojn ktp. en la akceptejo.

Sed entute ni danku al la Kongreskomitato pro la bone farita laboro. Vendrede vespere okazis Interkonatiĝa Vespero en bela ĝardeno kaj salonego de „Harmonie“. Koncertis la polica orkestro kaj membrinoj de „La Verda Stelo“ transdonis al la nova polica grupo standardon. Finis la belan aranĝon dancado.

**Sabate** matene estis Hebrea Diservo en Ĉefa Sinagogo kun prediko de rektoro F. Saphra el Annaberg (Germanujo).

Sekvis Malfermo de Somera Universitato en Cercle Artistique. Parolis s-ro Marcel Roost, la aranĝinto de S. U., kaj klarigas, ke oni elektis la temon „La maro kaj la navigacio“ pro tio, ĉar Antwerpen estas unuavice granda haveno.

Vespere „Solena Malferma Kunsido“ en Granda Festsalonego de Zoologia ĝardeno, kiu estis ornamita per la flagoj de la diversaj landoj kaj vizitata de pksm. 2500 personoj. Hromada (Ĉ. S. R.) kiel reprezentanto de ICK. malfermis la kunsidon kaj proponis la estraron: Prez.-Schoofs; vicprez.-Pétiau, van Schoor, Alessio (Roma), Archdéacon (Paris), Cen (Singapore), Hetzel (Philadelphia), Hujuce (Shanghai), Isbrücker (Haag), Levi (Constantinopel), Merchant (Sheffield), Nemseĉi (Tabriz), Nylén (Stockholm), Nanji Sindhwad (Bombay), Takuo Otaki, parlamentano (Tokio), konsulo d-ro Arnhold (Dresden); konstantaj ĝen. sekr. Kreutz, Jeumotte kaj Roost; sekr.: Faes, Ritchie, Vermandere; vicsekr.: S-inoj Faes kaj Schoofs.

Prez. Schoofs en siaj salutvortoj rimarkigas, ke li jam estis en LKK. de la Sepa 1911.

Sekvas la reprezentantoj de l' urbestro kaj de diversaj ŝtatoj.

La aŭstria registaro sendis kiel reprezentanton s-ron ĝen. kons. Armand Hessel.

D-ro Privat faris la tradician salutparoladon, en kiu li interalie menciis la grandan, jam ekzistantan E.-literaturon.

Je peto de la ĝen. kons. s-ro Steiner (Wien) parolis en la nomo de Aŭstria Registaro.

Li alludis al la vortoj de la prez. de ICK. Privat kaj diris, ke pro tio, ke jam ekzistas granda E.-literaturo la demando estis jam urĝanta, fondi

lokon, kie oni kolektu la grandan kaj gravan materialon, por ke ĝi ne malaperu. La Aŭstria Registaro, kiu delegis sian ĝen. kons. al Malferma Kunsido subtenas niajn tiurilatajn laborojn de fondo de Intern. E.-Muzeo en Wien kaj invitas la kongresanojn kore, ĉeesti venontjare en la internaciaj aranĝoj —Antaŭkongreso al la XXI-a kaj Malfermo de Internacia Esperanto-Muzeo — en Wien. Li ankaŭ laŭtlegis ekstrakte salutleteron de Urbo Wien kaj Malsupra-Aŭstrio (per Komisiono por Fremdulfrekvento), en kiu la esperantistaro estas petata, viziti ambaŭ landojn en 1929. Ili tie estos kore akceptataj. Fine Steiner petas la samideanojn en la nomo de AED., ke ili dumvoje al Budapest nepre restu dum la E.-festotagoj en Wien, kie ili travivos belajn horojn. Krom tio kelkaj favoraĵoj, en Aŭstrio jam certigataj al la XXI-anoj, kiuj vizitos la Wien-ajn aranĝojn (sur fervojo, ŝipo, vizo ktp.), certe instigos multajn, veturi al Budapest kaj resti du tagojn en Wien.

Poste parolis la reprezenantoj de la naciaj societoj. Fino je la 11-a nokte.

La aŭstriaj partoprenantoj de la kongreso estis invitataj ĉe aŭstria ĝen. konsulo Armand Hessel en sian belegan hejmon, kie la gastiganto unue montris sian trezoron je bildoj kaj antikvaj artvaloraĵoj kaj poste gastigis nin. Ni bone manĝis, trinkis 20jaran bonan vinon kaj francan ĉampanon kaj restis ĝis 1/2 2 matene. Parolis ĝen. kons. Hessel kaj Steiner.

**Dimanĉe**: Katolika diservo en la dekstra flanka navo de fame konata katedralo kun prediko de pastro J. Front Giralt el Gerona—Hispanujo (prez. de IKUE.) kaj protestanta diservo kun prediko de pastro de Jonge el Bergen -op-Zoom—Nederlando. Tiun lastan sekvis manifestacia promenado tra la urbo. Du muzikorkestroj akompanis la grandan marŝantaron kaj finis ĝin skoltoj kun la standardoj de la reprezentataj landoj. Antaŭ la urbdomo la orkestro ludis la „Brabanconne“ kaj „E.-Himnon“ kaj poste eniris la invititaj reprezentantoj la urbdomon, kie en belega salonego atendis ilin urbestro Frans van Cauwelaert, kiu alparolis nin en flandra lingvo. Jaumotte tradukis E.-lingven. D-ro Stromboli anstataŭante d-ron Privat respondis. Poste oni prezentis ĉampanon al la gastoj kaj montris al ili la interesajn salonegojn.

Posttagmeze kunsido de K. R., vespere komuna kunsido de K. R. kaj UEA. kun ICK., kiun ankaŭ aliaj rajtis partopreni. Ĉefa temo estis la cirkuleroj publikigitaj de s-ro Delanoue—Paris. Hromada legas la deklaron de la Enketa Komisiono, konsistinta el Stettler, Génermont, Hromada, Kamaryt, Newell, d-ro Vogt kaj Warnier. Ni nur citu la ĉefajn punktojn. La Komisiono konstatis:

La administrado de UEA. estas honesta kaj ŝparema; la asocia kapitalo sumas kiel en 1924 kaj estas zorge administrata; la prez. de UEA. kaj ICK. ricevas neniun salajron por sia laboro, nur modestan honorarion por redakti la gazeton „Esperanto“ kaj parte kovri siajn elspezojn en propagandaj entreprenoj, sumo laŭstatute fiksita de Komisiono de UEA.; la artikolo „Ni restos fidelaj“ prave celis agadon, pri kiu la raporto faras plenan lumon; la estraro de UEA. deziras konformiĝi al sia statuto pri uzo de la lingvo de Zamenhof kaj eviti lingvajn malpacojn kun LK. kaj ĝia Akademio; cirkuleroj Delanoue entenas malveraĵojn kaj kalumniojn, kiuj meritas severan riproĉon kaj kontraŭ kiuj devas esti protektata la honoro de sindonaj homoj oferantaj sian tempon kaj monon por la movado; neniu ago malhonesta aŭ kontraŭstatuta okazis kaj la elektoj al la Komitato estis tute regule faritaj kaj kontrolitaj; UEA. meritas la plenan fidon de la esp.-istaro kaj ili subtenu tiun solidan bazon de nia movado per multnombra aliĝo kaj fidela konstanteco al UEA.

Laŭ propono de s-ro Isbrücker oni unuanime akceptas rezolucion esprimante, ke la honoro de d-ro Privat kaj de s-ro Hans Jakob estas ekster ia ajn suspekto kaj ke la kunsido esprimas al ili profundan dankon pro ilia granda laboro por E.

**Lunde**: Unua ĝen. laborkunsido kun la temo „Radio“. Raportas tre interese d-ro Döhler-Riesa. Posttagmeze komuna fotografado antaŭ Muzeo

de Belaj Artoj. Vespere en Reĝa Flandra Operdomo prezentado de la tragedio „Hamleto“ kaj en Reĝa franca Operdomo granda kongreskoncerto. La teatraĵo bonege estis prezentita; la elparolado de la aktoroj estis eksterordinare bona, kvankam ili nur lernis E.-on de mallonga tempo.

**Marde:** Dua laborkunsido „Universitatoj“ sub la prezido de prof. Collinson. S-ro Zylberstejn-Toulouse raportas pri la temo. Steiner juna-Bisamberg parolas pri salutletero de l' rektoro de Teknika Altlernejo-Wien, kie de 16 jaroj estas E.-lektorato, kaj transdonas salutojn de la tri aŭstriaj E.-asocioj akademiaj. Krome li informas pri instruado de E. en la Teologia Fakultato-Salzburg.

Je fino de la kunsido prez. Steiner faris lumbildparoladon pri vojaĝo sur Danubo al Wien kaj pri Wien kaj Malsupra Aŭstrio kaj Tolnai-Budapest montris filmon pri Budapest kaj Hungarujo; ambaŭ celis interesigi la ĉeestantojn por la venontjaraj aranĝoj.

Vespere la aŭstrianoj estis gastoj de la germana kolonio en Antwerpen. Kunvenis pli ol 300 germanaj samideanoj. Al la salutvortoj de l' prez. Vollrath kaj konsulo barono Tucher respondis por Aŭstrio Steiner.

**Merkrede:** Jubilea kunsido de UEA. Festparolado d-ro Privat. La 21 ankoraŭ vivantaj kunfondintoj kaj dum la 20 jaroj fidelaj anoj de UEA. estas elektitaj „honoraj membroj“. Privat rezignis kiel prez. de ICK. kaj UEA. kaj intencas retiriĝi por kelkaj jaroj de la gvidado, por povi labori sur literatura kampo. Li proponas s-ron Stettler kiel prezidanton de UEA.; ĝis definitive estos nova prezidanto s-ro Privat restos funkcianta kiel ĝia prezidanto.

Posttagmeze dua publika kunsido de ICK. kaj KR., en kiu Steiner petas helpon por forigo de la deficito el la XVIa. (Steiner mem ne estas membro de tiama LKK„ sed nur penadas helpi la malfeliĉajn pagantojn al la deficito.) Laŭ propono de d-ro Dietterle oni decidas, ke oni plenumos la promesojn donitajn dum KR.-kunsido en Danzig, se la deficitkomitato sendos ĉiun materialon por kontrolo al Genève. Por Lingva Komitato laŭ propono de d-ro Bujwid oni kolektis. Donacas d-ro Bujwid 100 belg. Fr. kaj Steiner la saman sumon en aŭstria mono, la aliaj sekvas tiel, ke entute oni kolektas 200 sv. fr.

Steiner raportas pri Int. Esp.-Muzeo kaj deklaras, ke li nur raportas pro informo. „La Muzeo estiĝis, kaj la malfermo estos venontjare. Al vi reprezentantoj de la landoj nur estas, subteni la aferon jam por helpi al via landa movado. La Muzeo ne estas sub aŭtoritato de iu ajn organizo sed sub tiu de la tutmonda esperantistaro mem.“

Vespere por la dua parto de la kongresanoj „Hamleto“ kaj „Koncerto“.

**Ĵaŭde:** 3-a laborkunsido. Schoofs komunikas, ke post eksiĝo de s-ro Privat ICK. elektis s-ron Merchant prezidanto; s-ro Privat estas elektita „honora prezidanto“ de ICK.; s-ro Rollet de l'Isle kaj s-ino Isbrücker estas reelektitaj en ICK.

Sekvas la parolado de s-ro Steiner pri Internacia Esperanto-Muzeo en Wien. Oni unue de diversaj flankoj ŝajnigis la Muzeon „privata afero“ de s-ro Steiner, sed la lasta en sia raporto tre trafe priparolis ĉi tiun „ŝajnigon“ kaj renkontis la kontentigon de la aŭdantaro. Fine prez Schoofs rekomendis, subteni s-ron Steiner kaj la Muzeon. Steiner respondis: „Ne subtenu s-ron Steiner, kiu por ebligi la starigon de ĉi tiu eterna monumento de la Esp.-movado, nome Intern. E.-Muzeo en Wien, laboris senĉese dum nun preskaŭ unu jaro, sed **subtenu vin, vian landan E.-movadon** kaj **Esperanton** per alsendo de materialo al la IEMW“. (Grandega aplaŭdo.) Tuj Niŝimura donacis 100 Belg. Fr. kaj promesis kiel multaj aliaj Warden, Goldsmith, Kötz, Jung, Blaise, Applebaum, Delanoue, Sergeant, d-ro Dreher, d-ro Bujwid, Felix Zamenhof, d-ro Dietterle, Schwarz, Ellersiek, Grenkamp, d-ro Stromboli,

Migliorini, inĝ. Orengo, Smit, d-ro Patai, Tolnai, Christaller, d-ro Bischitzky, d-ro Maruzzi, Rotkviĉ, Mangada, Jakobs, s-ino Blicher, Butin ktp. sendi kaj sendiĝi materialon al la muzeo.

Krysta klarigas sian proponon pri kolekto de subskriboj por enkonduko de E. en la lernejojn.

Vespere balo en „Harmonie“.

**Sabate:** Ferma Kunsido. Tolnai donas informojn pri la XXI.-a. Jung prezentas proponon de Hohlov, ke XX-a sankciu la 14-an de aprilo, la mortotagon de d-ro Zamenhof, kiel Tagon de la Originala E.-Literaturo. (Akceptata). Prez Merchant dankas al la Komitato pro la granda laboro, kiu bone sukcesigis la kongreson. Schoofs respondas. Jakob promesas daŭrigi fervoran laboron kaj esperas ĉiujn revidi venontjare en la XXI-a.

Steiner.

## Interreligia Konferenco por la Paco.

450 partoprenantoj el 11 landoj kaj multaj religioj kaj unuiĝoj religiaj estis oficiale reprezentataj. Multaj parolantoj priparolis la necesan porpacan laboron de la eklezioj kaj de ĉiuj spiritaj movadoj.

D-ro Privat diris inter alie: „. . . Oni bezonas unue instrui al la homoj la senton de unueco tutmonda . . . por tio la eklezioj estas, laŭ li, la plej taŭgaj institucioj . . .“

La kunveno, kiu ne estis esperantista, akceptis E.-on kiel **oficialan** lingvon, en kiun do ĉiuj paroladoj estis tradukataj, kaj tio efikis multe la kelkcent ĉeestantajn konferencanojn neesperantistajn.

La sekretariino de la konferenco, la ĉiam fervora Julia Isbrücker - Dirksen el Hago, meritas la plej grandan dankon pro la bonega aranĝo.

## Konferenco de Universitatanoj esperantistaj en Bruxelles.

Sub la lerta prezido de prof. Pinty el Alĝerio universitatanoj el 15 landoj estis kunvenintaj la 31. 7.—1. 8. por pridiskuti la problemon de la E.-movado en universitataj rondoj. La plej grava rezolucio decidita estas la kreo de specialaj esp. universitataj organizoj en ĉiuj landoj kaj la starigo (dum XX-a) de Intern. Komisiono de Universitatanoj.

La rektoro de Teknika Altlernejo-Wien, inĝ. Oerley sendis pere de stud. ark. Steiner (juna), delegito de „Wiena Akademia Unuiĝo Esp.-a“, „German - akademia E.-Unuiĝo - Graz“ kaj „Teknik-akademia E.-Klubo-Wien“ varman salutleteron.

## Internacio de Kontraŭuloj de Militservo.

Konferenco okaziĝis en bele situa hejmo de socialista komunumo sur Sonntagsberg ĉe Waidhofen a./Ybbs (27.—30. 7.). Delegitoj de organizaĵoj de kontraŭuloj kaj rifuzantoj de militservo estis venintaj el plej diversaj landoj, eĉ el Ameriko, Hindujo, Novzelando, Palestino ktp.

Tre interesaj raportoj; inter ili tiuj de Tarini Sinha el Hindujo, kiu parolis pri la batalo de sia popolo pro nacia libereco sed tute sen perforto (li nomis ĝin ne t. n. „pasivan rezistemon“, sed kontraŭe „aktivan senperfortecon); de Fenner Brockway (Angla Sendependa Laborista Partio), kiu diris, ke miloj da samcelanoj, rifuzintaj militservon dum la mondmilito, estis dum jaroj arestitaj kiel ankaŭ li mem; sed malgraŭ tio la anaro kreskas. La germana generalo v. Schönaich diris: „37 jarojn mi estis entuziasma soldato, dum la milito mi eĉ estis ‚aneksiulo‘, mi entute faris ‚malsaĝaĵojn ĉiel ajn elpenseblajn‘, sed la realeco, la krueleco de la kvarjara milito min konvikis.“ Li ankaŭ raportas pri „pacleteroj“, kiuj servas al kolektado de subskriboj de personoj solene deklarantaj en okazo de milito rifuzi ĉiun ajn servon aŭ subtenon kaj havis grandan sukceson en Germanujo.

La konferenco finiĝis per publika bonege vizitata kunveno en Laborista Hejmo - Favoriten, kiun prezidis Olga Misar, ĉefsekr. de Aŭstria Sekcio de

Kontraŭuloj de Militservo. Parolis fame konata d-ro Ude, kiu akcentis, ke li estante katolika pastro plene konsentas, ja eĉ postulas rifuzon de militservo laŭ niaj nunaj cirkonstancoj. La kondiĉoj por vere justa, nur defenda milito (la sole permesata laŭ kristana leĝo) tute ne plu ekzistas. Franz Grossmann (Pierre Ramus) kritikis la penadojn de „Kellogg-kontrakto“ kiel trompaĵon, ĉar ĝi ne malpermesas ĉiun, sed nur atakan militon kaj la historio pruvas, ke oni klopodas ĉiun militon deklari defenda.

Estis kunvenintaj homoj, batalantoj de diversaj religioj kaj mondperceptoj, sed unuecaj en la penso per ĉiuj ebloj kaj speciale per rifuzo de militservo plejeble malhelpi estontajn militojn.

La interparoladoj okazis en germana, angla, franca lingvoj kaj Esperanto. La E.-tradukan servon bonege gvidis s-ano Solzbacher, ĉefsekr. de „Mondjunularo Katolika“ kaj red. de „Juna Batalanto“. W. Mudrak.

## Radio-Wien

reeksendos E.-lingve la 3an de oktobro.
La prelegoj (Smital) okazos ĉiun
**merkredon** je 18 h 45 min. ĝis 19 h.
Generale interesaj temoj pri Aŭstrio Atentigu!

## Leo Nikolajeviĉ Tolstoj.

Dekok jaroj estas pasintaj de kiam la plej eminenta poeto rusa por eterne foriris de sia samsanganaro. Vere, de sia samsanganaro, kiun li estis tiom amanta kaj kies animon esplorinta ĝis la plejprofundoj.

Li, el grafa familio, volis esti ne io alia ol simpla rusa vilaĝano pluganta sian kampon kaj travegetanta pene sian vivon neglektante civilizon. El tiu amo al la popolo ekĝermis ankaŭ lia arda deziro, eduki la animojn de la simplaj rusaj kamparanoj kaj precipe meti la semon de l' bono en la junajn vilaĝankorojn. La kerno de lia filozofia doktrino estas amo al kunhomo, amo al homo sen konsidero pri rango aŭ titolo, pri nacio kaj religio.

Tolstoj kunigis en si du animajn tendencojn: Granda artisto li estis, klerulo, poeto, pensulo kaj tamen tipe rusa apostolo diema, kiu celas nur igi agadon dioplaĉe unueca kaj harmonia. Ŝed estis titana batalo inter tiuj du tendencoj, ĉar Tolstoj ĝin prenis preciza. Por li tio ne estis filozofia batalo, montranta sin en abstraktaĵoj, sed li batalis sur bazo pure realisma, sian propran vivmanieron li deziris orienti laŭ ĝi.

Obeante sian apostolan animon Tolstoj estus ankaŭ forlasinta aristokratan vivmanieron, se la amo al kunhomoj, nome siaj familianoj, ne estus deteninta lin, ĉar ili ne volis rezigni ĉiujn aristokratajn privilegiojn. Sian bienon Jasnaja-Polnaja li intencis vendi kaj disdoni la vendosumon inter malriĉuloj; sin mem devigi al simpla kaj mizera vivado de rusa kamparano.

Tiel klariĝas lia forkuro, entreprenita en aĝo de 82 jaroj, kiu kondukis lin en monaĥejon. Jen tipa fino de vivo por rusa filozofo aŭ sektano predikinta dumvive simplan apostolan vivmanieron.

Se ankaŭ aliaj preferas klarigi ĉi tiun forkuron kiel tian el la hejmo, for de edzino kaj infanoj, Tolstoj eble iom perdis per tia juĝo de sia glorioĵo, sed nepre gajnis en la okuloj de komprenemaj homoj je homkvalito pro tia filozofa konsekvencemo.

Por ni esp.-istoj restos ne forgeseblaj lia studfervoro dediĉita al E. kaj liaj vortoj:

> „La penoj, kiujn homo de nia eŭropa mondo devas apliki dediĉante kelkan tempon al la studo pri Esperanto, estas tiom malgrandaj kaj la rezultoj atingeblaj per tio tiom grandaj, ke oni ne povas rifuzi al si, fari tiun provon.“
> Lothar Steiner.

## Josef Aumayr †.

Aumayr, eksdel. de UEA., estis la unua E.-pioniro en Linz kaj verkis E.-lernolibreton.

Li mortis la 7. julio en sia 75a vivjaro. Kondolencon al la familio.

## Stjepan Radic †.

Kun Stjepan Radic la kroata nacio perdis sian tre ŝatatan kaj meritplenan gvidanton, kiun ĝi kvazaŭ adoris.

Li mortis kiel viktimo de politika pasio.

En Radic la kroataj samideanoj priploras favoran akcelanton de nia movado. Li mem kutimis diri: „Mi ne estas amiko al Esp., sed esperantisto mem."

Nian sinceran kondolencon al la kroata popolo kaj speciale al la kroataj samideanoj. A. E. D.

## Curt Kronfeld †.

La 21. de aŭg. mortis la direktoro de „Komisiono por fremdulfrekvento de liglandoj Wien kaj Malsupra Aŭstrio", Curt Kronfeld nur 31-jara. Depost 1926 Kronfeld laboris en la supre citita oficejo kaj al lia iniciato oni dankas la institucion de „Festsemajnoj en Wien kaj Malsupra Aŭstrio", kiuj bonege sukcesis kaj nun fariĝis daŭra aranĝo.

Kronfeld ege komprenis interesigi por Aŭstrio la tutan alilandaron per gazetarkonferencoj, kiujn li aranĝis en Berlin, Köln, Budapest, Paris kaj aliaj urboj kaj pri kiuj la gazetoj multe raportis.

Specialan meriton Kronfeld akiris per organizo de Schubert-Centjarfesto de Urbo Wien.

Li estis ankaŭ la verkinto de la kvarvoluma verko. „La nuntempa Wien."

Mi antaŭ unu jaro parolis kun li pri Esperanto kaj li tuj ekkaptis la ideon, servi al Aŭstrio en sia medio per Esperanto. Al lia iniciato ni danku, ke mi povis fari lumbildparoladojn en E. dum la kongresoj en Danzig kaj Antwerpen. Lia lasta ago estis, ke „Kom. por Fr." eldonis belegan faldgvidfolion tra Wien kaj Malsupra Aŭstrio en Es. kaj ĝin dediĉis al la kongresanoj de XX-a kun la afabla invito, viziti venontjare Wien kaj nian landon por ĉeesti Antaŭkongreson kaj Malfermon de Intern. Esp.-Muzeo en Wien. Krome li per letero oficiale invitis la kongresanaron al la du menciitaj aranĝoj.

Kronfeld ĝuis la simpation de ĉiuj, kun kiuj li ekrilatis; por „Kom. por Fr." lia morto signifas grandan perdon; la Esperanto-movado funebras en li gravan helpanton.

Multnombra estis la ĉerksekvantaro, kiu kondukis Kronfeld al lia lasta ripozejo. Parolis ĉe la tombo ĝeneraldirektoro Müller kaj vicurbestro Emmerling vortojn de adiaŭo.

Koregan kondolencon al la edzino kaj la gepatroj de l' elmondiĝinto.

Steiner.

## Eŭropanoj!

Por malebligi novan militon eŭropan, kunhelpi plibonigi la ekonomian situacion de l' eŭropanoj, disvastigi la lingvon Esperanto kaj kunhelpi, ke nia terparto ne pereu, estas fondota en Wien Ligo Eŭropa por la propagando de

**„Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo".**

Ligo Eŭropa postulas: Disigon de ĉiuj armeoj naciaj kaj ilian anstataŭigon per komuna tuteŭropa milico el memvoluloj de ĉiuj landoj eŭropaj; forigon de ĉiuj limdepagoj interŝtataj kaj fondon de tuteŭropaj doganunio; enkondukon de komuna tuteŭropa monsistemo per fondo de eŭropa monbileta banko kaj kreo de konstante egalvalora ormono; plenan liberecon de tramigrado kaj restado por ĉiuj eŭropanoj en tuta Eŭropo kaj en la ekstereŭropaj teritorioj de la eŭropaj ŝtatoj; oficialan deklaron de Esperanto kiel lingvo eŭropa la dua krom la nacia lingvo en ĉiu ŝtato.

Kiu deziras partopreni nian batalon por paco, libereco kaj pano kaj subteni ĝin, aliĝu kaj skribu al la provizora sekretario Ludwig Kornmüller, Wien, XVIII., Martinstr. 53.

---

**Kleriga instituto de „Volksbund der Katholiken Österreichs" ekfunkciigos komence de oktobro E.-kursojn: Ĉiun lundon de 19—21 h p. komenc. kaj merkreden p. progres. (Weber); mardon por preparo al la ŝtata ekzameno (Smital). Informojn Wien, VIII., Piaristeng. 43, 9—12 kaj 14—16 h.**

## Paroladoj ĉe la polico.

La 24. kaj 25. de aŭgusto s-ro Steiner parolis en la festsalonego de la lerneja taĉmento de la policdirekcio Wien, III., Marokkanerg. pri „XX-a en Antwerpen, la venontjaraj internaciaj E.-aranĝoj en Wien kaj la kunlaboro de la policistaro".

La policprezidanto afable disponigis la festsalonegon Pol. kons. Buchsbaum ĉeestis ambaŭ paroladojn kaj krom l[a] ambaŭfoje po 250 policistoj.

Post la parolado la 24. s-ano distrikt-insp. Hirz, prez. de Polica E.-grupo-Wien, alparolis la kolegojn kaj invitis ilin al lernado de E., kiun ebligas al ili la favoro de nia altŝatata policprezidanto Schober en la kursoj, kiun gvidas la parolinto; la 25. s-ano Gaidosch, vicprez. de la Polica E.-grupo, same alparolis kaj invitis ilin.

## Per motorciklo al XX-a.

Mi kaj miaj ambaŭ filoj bonsane revenis de nia granda vojaĝo per motorciklo kun apudveturilo, dum kiu ni vizitis München—Augsburg—Ulm—Stuttgart—Heidelberg—Mainz—Köln—Aachen—Bruxelles—Antwerpen—Knocke—Ostende—Bruge—Gand—Louvain—Liege—Maastrich—Aachen—Wiesbaden—Frankfurt—Nürnberg—Passau k. multajn aliajn. Entute 2850 km. Ni renkontis multajn esp.-istojn kaj estis bonege akceptataj. Speciale ni danku al d-ro Vogt-Nürnberg, s-ro Jung-Horrem, s-ro Schönrich-Wiesbaden, d-roj Orthal kaj Ledermann-Nürnberg kaj al la grupo Mainz, kiu aranĝis apartan „Steiner"-vesperon kun bela programo. Dankon pro tiu ĉiam en nia memoro restanta vespero, kiun ankaŭ ĉeestis f-inoj Müllner-Korneuburg kaj Thamm-Hohenelbe, al insp. Hund pro liaj grandaj klopodoj sukcesigi tiom bone la kunvenon; al f-ino Becker, kiu verkis kaj recitis salutversaĵon; al la grupoj Mainz kaj Wiesbaden kaj la laborista en Mainz kaj al insp. Hund kaj familio Stiegler pro la afabla noktigo.

Steiner.

## Aŭtomobilistoj kaj motorciklistoj!

Aŭtomobilo kaj motorciklo estas gravaj komunikiloj. Post kelkaj horoj oni povas esti en najbara lando kun tute alia lingvo. Pro tio ni plej bone sentas, kiel necesas, ke nia helplingvo estu jam posedaĵo de ĉiuj popoloj.

Mia celo estas alvoki la esp.-istajn aŭtomobilistojn kaj motorciklistojn, memkondukantojn, kondukistojn kaj aliajn personojn, kiuj iel rilatas al aŭto-aferoj, ke ili unuiĝu por progresigi E.-on en la internacia aŭtomobilistaro.

Mi petas miajn samsportanojn, ke ili sciigu min, ĉu ili konsentas mian proponon, kaj dankas jam antaŭe pro eventualaj proponoj.

Skribu al Karl Knoll, Zittau i. Sa. (Germanujo) Theodor Körner-Allee 11.

**AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO**
**Bisamberg bei Wien 248.**

**Ŝtata ekzameno** komenciĝos la 5-an de nov.; sinanonco ĝis 25-an de okt. al la komisiono Wien, I., Burgring 9, ĉambro 53.

**Braunau a. Inn:** Funkciuloj: Prez. Osw. J. Haselbauer, vicprez. Käthe Haselbauer, sekr. Käthe Mayer. La posedanto de Hotelo Fink disponigis senpage ĉambron por kursgvidado (Käthe Haselbauer) kaj poste kiel grupkunvenejon.

**Korneuburg:** Laŭ propono de distrikta lern.-insp. Schatzl, Landa Lernej-konsilantaro permesis pluan instruadon en la geknabaj lernejoj. Estos du kursoj. Gvidanto Steiner.

**Linz:** Supra Aŭstria E.-Societo: La klubo funkciis dum la tuta somero en Linz. La societo direktis al Landesregierung pet-kribon pro enkonduko de E. en lernejojn kaj subteno de kursoj. Vigla propagando okazos dum septembro.

**Linz:** La 29. de julio okazis renkontiĝo sur Dreisesselberg. Bedaŭrinde la malbona vetero detenis multajn je ĉeesto. — S-ro Wannek ekpropagandis en la rondo de katolikaj skoltoj.

**Sigmundsherberg:** La ĝusta grupadreso estas Karl Wolf, ekslernejdirektoro.

**Strebersdorf:** En faklernejo por instruistoj E.-kurso komenciĝos en oktobro. Gvid. Smital.

**Wien:** „Wien-a Liturgia E.-Rondo" la 2. 8. la unuan datrevenon de sia fondiĝo en intima vespero per legado de belegaj tradukoj, preĝoj, kantoj kaj tre interesaj paroladoj. La ĝis nun

farita laboro eminente montras la dian benon kaj iniciaton de la Sankta Spirito, kiu ĉiam akompanu la laboron de la rondo. Speciala ĉambra altareto estis dediĉata al la rondo. Oni decidis aliĝon al la kat. eld.-societo St. M. en Paris. Gyra.

**Wien: E.-soc. Danubio:** La 27-an de aŭg. parolis prez. Steiner pri „Antwerpen, la venontjaraj aranĝoj kaj IEMW". Prez. Cech dissendis multajn invitilojn kaj malgraŭ la varmega vetero sufiĉe granda aro da s-anoj ĉeestis. Granda aro ankaŭ aliĝis al IEMW kaj kelkaj jam al „Antaŭkongreso". — **E.-soc. Fideleco:** Laŭ invito de prez. Macho s-ro Steiner raportis pri la XX-a kaj Int. E.-Muzeo en la rondo de „Fideleco". Granda rondo ĉeestis kaj la parolinto povis konstati, ke ĉi tiu aro de samideanoj senbrue, sed senĉese laboras kaj perfektiĝas. Je propono de prez. Macho oni decidis, donaci al Int. E.-Muzeo ĉiun iel disponigeblan materialon de la grupo. Kelkaj tuj aliĝis kiel membroj al IEMW, kelkaj al „Antaŭkongreso 1929".

## Por niaj fratoj en Bulgarujo!

La ĝis nun kolektitan monon Ŝ 42.10 ni sendis al Bulgara Ministerio por Internaj Aferoj en Sofia. Pluaj pagoj akceptotaj! AED.

## Rimarkindaj Presaĵoj.

**Das Esperanto ein Kulturfaktor,** Band 8, Festschrift anläßlich des 17. Deutschen E.-Kongresses, Potsdam, Pfingsten 1928; Herausg.: Deutscher Esp.-Bund E. V., Berlin SW 61, redig. v. Alex. Schwarz; 133 pĝ., 22 : 14·5 cm.

La partoprenantoj de germanaj E.-kongresoj depost jaroj regule atendas — kiel ion kvazaŭ memkompreneblan — kongresan libron; sen ĝi germana E.-kongreso ne estus plu imagebla. Per ĉi tiuj vortoj la redaktinto Alexander Schwarz transdonas tiun 8an volumon al la publiko. Envindaj gesamideanoj!

Kiu konas la antaŭajn volumojn de la kolekto apartenas delonge — kvankam ne kongresano — al tiuj atendantoj, ĉar ĉiujare tia libro prezentiĝas kiel tre valora kaj interesa pliriĉigaĵo de nia literaturo. Ankaŭ en la nuna triumfas germana klarvidado kaj ĝisfundemo.

Jen la enhavo: Listo de honorkomitatanoj kongresaj; enkondukaj vortoj de la redaktinto; 26 paĝa traktaĵo „E. kaj kulturo" de d-ro Trögel-Dresden; 21 pĝ. „E. antaŭ L. d. N." de d-ro inĝ. Ellerbeck-Berlin; „E. kaj lernejestraroj" de Paul Bennemann-Leipzig kun 32 reskriptotekstoj pri E. (13 pĝ.); „Polico kaj E." de krimin. insp. Teubner-Leipzig kun du ĵurnalartikoloj pri E. de d-ro jur. Palitzsch-Dresden, prez. de Sakslanda Kriminaloficejo, kaj 32 reskriptotekstoj; „Fervojo kaj E." de regnofervoja ĉefinsp. A. Petzold-Leipzig kun enketrezulto kaj 10 reskriptotekstoj; „Telegrafio kaj E." de poŝtkons. Behrendt-Berlin; „E. kaj Radio" de d-ro Döhler-Riesa (35 pĝ.).

La libro enhavas tiom da fidindą, zorge kompilita fakta materialo, propagandbaziga, ke oni devas bedaŭri — de alilingvana vidpunkto —, ke ĉiuj artikoloj escepte la lastan estas germanlingvaj. Ĉi tiu certe plej grava raporto aperis en aparta kajero, kiun mi aparte priparolos tujsekve. GEA. kaj ties afergvidanto Schwarz estu sincere dankataj pro eldono resp. redakto de tiu bonega aperaĵo! Tre dezirinda restas tamen la publikigo de la reskriptotekstoj (kaj aliaj ankoraŭ mankantaj!) en Esperanto, por ebligi seriozan E.-propagandon en alilingvaj landoj. W. Smital.

**Esperanto kaj Radio** de d-ro Walter Döhler-Riesa, estro de la komisiono por Radiostatistiko, komisiita de ICK.; represo el „Das Esp. ein Kulturfaktor", Band 8, kongreslibro de la 17a Germana E.-Kongreso, Potsdam 1928; eld.: Germ. E.-Asocio, Berlin SW 61; 39 pĝ., 22 : 14·5 cm.

Post Enkonduko kaj Historia Skizo la diligenta aŭtoro konatigas al ni la sep gravajn rezoluciojn pri E. kiel R.-lingvo (Venezia, Genève, Paris, Berlin, Lausanne, 2 Como) ĉiufoje citante la originaltekston (francan, anglan resp. germanan) kaj E.-tradukaĵon. Laŭtempa listo de stacioj kun resp. dato de E.-sendaĵo, diagramoj pri la nombro de stacioj E.-sendintaj kaj listo de la E.-R.-stacioj bele ilustras la historion de E. ĉe R.

El Resuma Tabelo ni ekscias, ke poresperantaj stacioj ekzistas:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 10 | en 3 | ŝtatoj de | Azio |
| 9 | „ 2 | „ „ | Aŭstralio |
| 32 | „ 5 | „ „ | Ameriko |
| 126 | „ 24 | „ „ | Eŭropo |

do sume: **177 stacioj** en 34 ŝtatoj de 4 kontinentoj (ĉar Sov.-resp. situas en du kontinentoj sed kalkuliĝas nur unufoje). Listo H citas **55 poresp. R.-gazetojn.** Parto J. nomas 11 radioteknikajn terminarojn, en parto K estas traktita la temo „E. kaj la R.-amatoroj" (kun du rezolucioj).

Ĉiu interesulo pri tiu plej efika propaganda kampo studu ĉi tiun broŝureton, kompletige raportu al la aŭtoro kaj interesigu por ĝi R.-praktikulojn. W. Smital.

**Nova sveda ŝlosilo** ĵus aperis ĉe Eldona Societo Esperanto, Stockholm (poŝta fako 698), eld. sub aŭspicioj de ICK. Ĝis nun presitaj 80.000 ŝlosiloj. Prezo 1 UEA.-kup. por 2 ekz.

**„Deknaŭa Universala Kongreso de E."**

E.-ista dokumentaro pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj eld. de Int. Centra Komitato-Geneve.

Tre interesa enhavo, kiun ĉiu E-sisto devas koni.

**„BES-a Adresaro".** 1928, 7a eld., Bohema Esperanto-Servo, Moravany v Ĉ. enhavas sur pli ol 60 paĝoj preskaŭ mil adresojn el pli ol 60 landoj kun indiko, pri kiu la personoj

volas korespondi, kion ili intencas interŝanĝi ktp.

La libreto estas bele ekipita kaj kostas nur 50 sv. ctm.

La enigmon el n-ro 5 solvis ankaŭ nia kunlaboranto I. Ŝirjaev en Baklanka, U. S. S. R.

## Rekomendindaj firmoj.

Bäckerei = bakejo: **Korneuburg.**
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.
Gemischtwaren = Diversaĵoj:
Alois Cisař, Bisambergstr. 21.

**Kaltenleutgeben.**
Peter Pich, komercisto (E), Hauptstrasse 61.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp. Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr 6/III, Vereinsheim (kunv.) „Pastete", Sporg. 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Leoben.**

E.-Verein f. Steiermark: Cafe Weidbacher, Mi (me) 20—22 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.
Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum", Museumstraße. Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.
I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 12, Kafejo Hofbauer, Di. (m) 19.30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Fr (v), 19—21 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h
„Konkordo", IV., Margaretenstr. 33 (Kaffee Aŭstria) Do (ĵ) 20 h.
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—22 h.
Esp.-societo, „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.

V. b. b.





Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.